Ni salutas partoprenantojn de la Somera Tendaro Lančov apud Vranov-barajo. Sur foto de D-ro Kubica: Lago ĉe Bitov.




# AGADO *de Esperantistoj en Jihlava*

MAJO – JUNIO 1962

## Letervespero de Esperantistoj en Jihlava

okazis la 28-an de marto 1962 en tre bela nova klubejo en Domo de Kulturo. Partoprenis ĝin preskaŭ 40 Esperantistoj. Multe da ricevitaj salutkartoj kaj leteroj el ĉiuj anguloj de la mondo ĝojigis ĉiujn partoprenintojn kaj pruvas, ke Esperanto estas la unusola kaj la plej taŭga rimedo por solvi la lingvoproblemon kaj kontribuas al interkonatiĝo de ĉiuj popoloj en la tuta mondo.

Al ĉiuj skribintoj ni sendas ĉi tiun numeron de AGADO kiel dankesprimon. Krome, ili ricevos aŭ jam ricevis ankaŭ privatajn respondojn.

## INTERNACIA GEEDZIĜO EN JIHLAVA

Esperanto forigas lingvajn barojn inter popoloj kaj fratigas homojn helpante pli bone kompreni unu la alian. Ĝi servas tre bone en literaturo kaj scienco, sed same perfekte ĝi servas por komunikado de homaj sentoj. Ĝi scias esprimi eĉ la plej delikatajn kaj dolĉajn sentojn de junaj homaj koroj, la sentojn de amo. Multnombraj estas pruvoj pri tio, ĉar ofte ni legas en niaj revuoj pri geedziĝo de homoj el diversaj nacioj pere de Esperanto. Ankaŭ en nia urbo ni povis saluti tian feliĉan okazaĵon: la 26-an de aprilo 1962 geedziĝis nia anino Jana Šimková kaj s-ano Alois Širca el Jugoslavio. Ilia interkonatiĝo estis sama kiel ĉe miloj da aliaj kontaktoj. Esperanto-kurso, adreso, leteroj . . . Ĉu hazardo aŭ sorto? Ni ne scias, sed tio ne gravas. Fakto estas, ke s-ano Širca laboras nun en nia urbo kaj ke li sentas sin en nia lando feliĉa. Ni gratulas sincere kaj kore al la junaj geedzoj kaj esperas renkonti ilin ofte en niaj kunvenoj.

---

En majo vizitis nian urbon s-ano Moll el UTRECHT, Nederlando. Li haltiĝis ĉe siaj korespondantoj en Žďár nad Sázavou kaj en Jihlava revenante el Internacia Kongreso de Esperantistaj Fervojistoj en Budapeŝto. Dum du tagoj renkontis lin multaj Esperantistoj el Jihlava. Kelkaj el ili povis paroli la unuan fojon kun eksterlandano en Esperanto. Ĉe tiu ĉi okazo vizitis s-ro Moll la 21-an de majo prelegon pri Esperanto, kiun aranĝis la Esperanto-rondeto ĉe Ŝtata psikiatria kuracejo en Jihlava por sia personaro.

Renkontiĝon partoprenis pli ol 40 ĉeestintoj kaj gvidis ĝin s-ano Hlávka. Pri Esperanto prelegis s-ano Dásek. Pri Esperanta movado en Jihlava prelegis s-anino Chalupová. Samtempe estis aranĝita modesta, sed tre interesa ekspozicio.

OLOMOUC. V sezóně 1962/63 bude uspořádána v Olomouci celostátní výstava cestovního ruchu. Esperantský kroužek Kulturního a společenského střediska města Olomouce, který se jí též zúčastní, hodlá připravit exponát, zobrazující, kam všude do světa se dostaly informační publikace, vydané v posledních letech o Olomouci v esperantu. Za účelem získání potřebné dokumentace, vyzývá proto všechny své členy i ostatní esperantisty, kteří tyto publikace zaslali do zahraničí, aby sdělili potřebné údaje na adr.: Sekretariát Výstavy cestovního ruchu, ul. 28. října 2 (Turista) OLOMOUC. Všem, kteří této výzvě vyhoví, budou zaslány publikace v esperantu, které budou vydány v souvislosti s výstavou, příp. i jiný materiál, týkající se cestovního ruchu.

INTERNACIA KONGRESO DE ESPERANTISTAJ FERVOJISTOJ EN BUDAPEŜTO okazis la 5-an ĝis 11-an de majo 1962. Partoprenis ĝin ĉirkaŭ 1050 Esperantistoj el 20 landoj; hungara poŝto eldonis ĉiokaze ne nur specialan poŝt-stampon, sed ankaŭ belan poŝtmarkon! Ni ricevis saluton el la kongreso de s-ano Inĝ. Jaromír Rebíček el Havlíčkův Brod, kiu post reveno rakontis al ni pri la kongreso en nia kunveno la 30-an de majo 1962.

◆◆◆◆◆◆

KIU SCIAS, ĤELPU!

Tri fratinoj serĉas sian fraton Sypĉenko Ivan Jakovleviĉ, naskiĝjaro 1897, kiu en jaro 1925 oficis en buterproduktejo apud Praha. Skribu al: K-do A. SIDOROV, ul. B. Ĥmelnickogo 10, Ĉerkassi obl., USSR.

◆◆◆◆◆◆

LA 27-an DE MAJO 1962 la ĉeĥoslovaka radio elsendis ek de la 15-a horo 25 minutan intervjuon kun profesoro Theodor Kilian el Třebíč, aŭtoro de Lernolibro de Esperanto.

◆◆◆◆◆◆

UNIVERSALA MEDICINA ESPERANTO — ASOCIO, ESPERANTO — sekcio ĉe Centra Kulturdomo de Medicinistoj en Moskvo bonege laboras. Ĝi kunvenas ek de la 19-a ĝis 22-a horo ĉiumerkrede kaj ĉiudimanĉe en la Centra Kulturdomo. La programo de kunvenoj estas riĉenhava pro diversaj kaj interesaj prelegoj de elstaraj Esperantistoj - medicinistoj kaj profesoroj.

Reprezentanto de UMEA por Sovet-Unio estas elstara Esperantisto Doktoro E. Salnikov.

Estas invitataj ankaŭ aliurbaj kaj eksterlandaj Esperantistoj por partopreni la agadon de la sekcio. Jen la adreso: Esperanto sekcio ĉe Centra Kulturdomo de Medicinistoj, Hercen-str,. 19. Moskva, K-9, Sovet-Unio.

## sofio 1963 vokas !

La ĉefurbo de Bulgario gastigos venontjare la 48-an Universalan Kongreson de Esperanto. Ĝi okazos komence de aŭgusto. Estas ankoraŭ tro frue diri ion precizan pri ĝi, sed jam nun vi povas pripensi vian eblecon partopreni ĝin kaj komenci ŝpari monon! Ĉu ni estas tro kuraĝaj esperi, ke efektiviĝos karavano el nia lando? Ni proponis oficiale al ĈEK, ke nia rondeto estas preta organizi vagonaran ekskurson. Eble jam en venonta AGADO ni povos doni al vi pli detalajn informojn.

*Julie Šupichová*

# Mluvím esperantsky

*(Mi parolas Esperante)*

8-a daŭrigo

385. Potřebuji zpěvník pochodových písní. — Mi bezonas kolekton de marškantoj.

386. Promiňte, ještě jsem se chtěl zeptat, máte-li gramofonové desky. — Pardonu, mi volis ankoraŭ demandi, ĉu vi havas gramofondiskojn.

387. Chtěl bych malou kytici z čerstvých květin. — Mi volus malgrandan bukedon el freŝaj floroj.

388. Máte hyacint v květináči? — Ĉu vi havas hiacinton en florpoto?

389. Přeji si černé brýle proti slunci. — Mi deziras nigrajn okulvitrojn kontraŭ suno.

390. Ještě mi ukažte teploměr na stěnu. — Montru ankoraŭ al mi surmuran termometron.

391. Potřeboval bych dobré kapesní hodinky. — Mi bezonus bonan poŝhorloĝon.

392. Jak dlouho potrvá oprava? — Kiel longe daŭros la riparo?

393. To je pro mne příliš drahé. — Tio estas tro multekosta por mi.

394. Potřebuji levné polobotky. — Mi bezonas malmultekostajn duonŝuojn.

395. Přezůvky nemáte? Cestou do zaměstnání hodně jich zničím. — Galoŝojn vi ne havas? Piedirante al mia okupo (laboro) mi eluzas (detruas) multajn.

396. Ukažte mi cestovní čepice. — Montru al mi ĉapojn por vojaĝo.

397. Dejte mi, prosím, starý klobouk do sáčku, já si nový hned vezmu na sebe. — Mi petas, metu mian malnovan ĉapelon en saketon, mi surmetos tuj la novan.

398. Ukažte mi ještě dětské zimní rukavice. — Montru al mi ankoraŭ porvintrajn infanajn gantojn.

399. Tento pár je poněkud malý. — Tiu ĉi paro estas iom malgranda (malvasta).

400. Ukažte mi vzory dobrých látek na zimník. — Montru al mi specimenojn de bonaj ŝtofoj por vintra supervesto (surtuto).

401. Kabát je příliš dlouhý, rukávy krátké. — La surtuto estas tro longa, la manikoj mallongaj.

402. Koupila jsem takovou obyčejnou látku, ale jen zbytek. — Mi aĉetis sole ordinaran ŝtofon, sed nur restan pecon (restaĵon).

403. Kolik metrů budu potřebovat na pracovní plášť? — Kiom da metroj mi bezonos por labormantelo?

404. Chtěla jsem proužkovanou (kostkovanou) látku, ale již nebyla. — Mi volis striitan (kvadratitan) ŝtofon, sed tia ne estis jam havebla.

405. Je to jen polovlněná (bavlněná - vlněná) látka. — Ĝi estas sole duonlana (kotona - lana) ŝtofo.

406. Oholte mě - ostříhejte - umyjte mi hlavu. — Razu min - tondu miajn harojn - lavu la kapon.

407. Máte špatně nabroušenou břitvu. — Via razilo estas ne sufiĉe akrigita.

408. Přejete si ondulaci trvalou nebo vodovou? — Ĉu vi deziras ondumaĵon daŭran aŭ akvan?

409. Cestičku mi udělejte uprostřed - vlevo - vpravo. — La harojn dislimu (hardisiĝon faru) meze - maldekstre - dekstre.

410. Můžete mi vyžehlit mé košile? — Ĉu vi povas gladi miajn ĉemizojn?

411. Tady je soupis prádla i s mou adresou. — Jen nomaro de mia tolaĵo kun mia adreso.

412. Kolik se platí za kus? — Kiom oni pagas por unu peco?

413. Koupil jsem to náhodou velmi lacino. — Hazarde mi aĉetis ĝin tre malmultekoste.

414. Závodní rada se pečlivě stará o všechny zaměstnance v tomto obchodě. — La establa konsilantaro tre zorgas pri ĉiuj dungitoj (salajruloj) de tiu vendejo.

415. Teprve až zaplatíte (svůj) dluh, obdržíte nové zboží. — Nur post kiam vi pagos vian ŝuldon, vi ricevos novan varon.

416. Noviny vás jistě informovaly o velikém rozšíření obchodu v našem státě, o našem vývozu a dovozu. — La gazetaro certe informis vin pri la granda disvastiĝo de komerco en nia ŝtato, pri niaj eksporto kaj importo.

417. Pojedete také (na jaře) do Brna na veletrh? — Ĉu vi veturos ankaŭ al Brno (printempe), por viziti la foiron?

418. Jaké zaměstnání si přejete? — Kiun okupon vi deziras?

419. Už jste byl v takovém místě zaměstnán? — Ĉu vi jam laboris en tiu fako?

420. Vezmeme vás na zkoušku. — Ni akceptos vin provizore.

421. Umíte také psát na stroji? — Ĉu vi scias ankaŭ maŝinskribi?

422. O tom rozhoduje naše závodní rada. — Tion decidos nia establa konsilantaro.

423. Kdy bývá esperantské vysílání? — Kiam okazas la Esperanta disaŭdigo?

424. Kurs ruštiny v rozhlase již skončil; kdy začne nový? — La radiokurso de la rusa lingvo jam finiĝis; kiam komenciĝos la nova?

425. Sledujete také vývoj televize? Přístroje už nejsou drahé. — Ĉu vi ankaŭ observas la evoluon de la televido? La aparatoj jam ne estas tiom multekostaj.

426. Je naše stanice dobře slyšet u vás? — Ĉu nia stacio estas bone aŭdebla ĉe vi?

(Daŭrigota)

# Význam předpon a přípon při tvoření slov

## PŘEDPONY

bo- příbuzenstvo získané sňatkem (patro — otec, bopatro — tchán)
dis- roz- (tranĉi —řezat, distranĉi — rozřezat)
ek- počátek děje (krii — křičet, ekkrii — vykřiknout,
eks- ex-, bývalý, (reĝo — král, eksreĝo — exkrál)
for- odstranění (iri — jít, foriri — odejít, kuri — běžet, forkuri — odběhnout)
fi- opovržení (homo — člověk, fihomo — darebák)
ge- obojí rod (patro — otec, patrino — matka, gepatroj — rodiče)
mal- opak (granda — velký, malgranda — malý)
mis- špatně (uzi — užít, misuzi — zneužít) chybně (kompreni — rozumět, miskompreni — chybně rozuměti)
pra- pra (homo — člověk, prahomo — pračlověk)
re- zpět (doni — dát, redoni — vrátit) opět (vidi — vidět, revidi — opět vidět, shledat se)
sub- pod- (skribi — psát, subskribi — podepsat) tajně (aŭskulti — poslouchat, subaŭskulti — tajně poslouchat)

## PŘÍPONY

-aĉ- — význam hanlivý (ĉevalo — kůň, ĉevalaĉo — herka)
-ad- — trvání a opakování děje (paroli — mluvit, paroladi — řečnit, iri — jít, iradi — chodívat)
-aj- — věc z určité hmoty (faruno — mouka, farunajo — moučník)
— věc určité vlastnosti (bongusta — chutný, bongustajo — pochoutka)
-an- — člen kolektivu (familio — rodina, familiano — člen rodiny)
— obyvatel (urbo — město, urbano — měšťan)
— stoupenec (respubliko — republika, respublikano — republikán)
-ar- — souhrn stejných jedinců (arbo — strom, arbaro — les, monto — hora, montaro — horstvo, pohoří)
-ĉj- — zdrobňuje mužská jména (patro — otec, paĉjo — tatínek, Petro — Petr, Peĉjo — Petřík)
-ebl- — možnost (vidi — vidět, videbla — viditelný)
-ec- — vlastnost (facila — snadný, facileco — snadnost, amiko — přítel, amikeco — přátelství)
-eg- — zvětšení (pordo — dveře, pordego — vrata)
— zesílení (kuri — běžeti kuregi — uhánět)
-ej- — místo činnosti (labori — pracovat, laborejo — pracovna, lerni — učit se, lernejo — škola)
— místo bytostí a věcí (bovino — kráva, bovinejo — kravín)
-em- — náchylnost (labori — pracovat, laborema — pracovitý)
-end- — nutnost (voĉo aŭdenda — hlas, který musí být slyšen)
-er- — nejmenší část něčeho (neĝo — sníh, neĝero — sněhová vločka, sablo — písek, sablero — zrnko písku)
-estr- — představený (ŝipo — loď, ŝipestro — kapitán lodi, lernejo — škola, lernejestro — ředitel školy)
-et- — zmenšení (tablo — stůl, tableto — stolek,
— zeslabení (ridi — smát se, rideti — usmívat se)
-id- — mládě (hundo — pes, hundido — štěně, leono — lev, leonido — lvíče)
— potomek (reĝo — král, reĝido — králevic)
-ig- — učinit někoho nějakým (pura — čistý, purigi — čistiti, blinda — slepý, blindigi — oslepit)
— uvést někoho v nějaký stav (kuŝi — ležet, kuŝigi — položit)
— dát vykonat nějakou činnost (presi leterpaperojn — tisknout dopisní papíry, presigi leterpaperojn — dát tisknout dopisní papíry)
-iĝ- — stávat se nějakým, bezděčná změna stavu (nigra — černý, nigriĝi — černat, ruĝa — červený, ruĝiĝi — červenat se)
-il- — nástroj (tranĉi — řezat, tranĉilo — nůž)
-in- — ženské pohlaví (viro — muž, virino — žena)
-ind- — hodný něčeho (laŭdi — chválit, laŭdinda — chvályhodný)
-ing- — nástrčka, dutá věc (plumo — pero, plumingo — násadka, kandelo — svíčka, kandelingo — svícen, fingro — prst, fingringo — náprstek)
-io- — země (Italo — Ital, Italio — Itálie)
-ism- — učení, směr (socialismo, komunismo)
-ist- — povolání, trvalá činnost (vendi — prodávat, vendisto — prodavač, porti — nést, portisto — nosič)
-nj- — zdrobňuje ženská jména (Mario — Marie, Manjo — Mařenka, Evo — Eva, Enjo — Evička)
-obl- — násobný (du — dvě, duobla — dvojnásobný)
-on- — zlomek (kvar — čtyři, kvarono — čtvrtina)
-op- — hromadnost (překládá se různě: du — dva, duope — po dvou)
-uj- — schránka (mono — peníze, monujo — peněženka)
— strom (pomo — jablko, pomujo — jabloň)
— země (Italo – Ital, Italujo — Itálie)
-ul- — živá bytost určité vlastnosti (bona dobrý, bonulo — dobrák)
-um- — přípona bez určitého významu (plena — plný, plenumi — splnit, aero — vzduch, aerumi — větrat)

# NIA SINJORINO BOŽENA NĚMCOVÁ (1820 - 1862)

La 21-an de januaro 1962 rememoris nia tuta popolo la centjaran datrevenon ekde la morto de la plej konata ĉeĥa verkistino Božena Němcová. Ŝi naskiĝis en Vieno en familio de princa koĉero Jan Pankl, sed ŝiaj gepatroj baldaŭ transloĝiĝis al Ratibořice, proksime de Česká Skalice. Ĉi tie travivis juna Barunka kelke da feliĉaj, neforgeseblaj jaroj kun sia avino Magdalena Novotná. Kiel deksepjara knabino ŝi edziniĝis laŭ deziro de la gepatroj al oficisto de financa gardo Josef Němec. Li jam tiam estis konvinkita patrioto. Božena Němcová firmigis sian nacian konscion dum restado en Polná (norde de Jihlava) kaj en Litomyšl.

En literaturon ŝi eniris per poemoj, sed baldaŭ ŝi komencis skribi fabelojn kaj mallongajn artikolojn. Ŝia vivo ne estis facila. Ŝia edzo pro sia nacia konvinko devis ofte ŝanĝi dejorlokojn. Ankaŭ Němcová estis sub polica kontrolo. Sed ofta ŝanĝado de loko helpis al juna verkistino bone ekkoni la vivon de simplaj homoj. Baldaŭ aperas kelke da libroj pri ĉirkaŭaĵo de urbo Domažlice kaj rakontoj pri Slovakio kaj Hungario. En jaroj de la plej granda mizero de la familio naskiĝas ŝia plej bela verko „AVINJO". Por fundamento de la romano uzis Němcová proprajn rememorojn el juneco pri avino Magdalena Novotná. Sed la libro elstaras precipe kiel ĉarma bildeto de naciaj kutimoj kaj festoj.

Němcová ofte pruvis, ke ŝi estas kuraĝa virino. Kiam mortis nia fama ĵurnalisto Karel Havlíček post reveno el aŭstra malliberado, ŝi metis sur lian ĉerkon kronon el dornoj. Sed senĉesa suferado ne utilis al ŝia sano. Němcová mortas ankoraŭ juna, nur kvardekdujara, en Prago. Ŝia verko ĝis nun apartenas al la plej valoraj juveloj de nia literaturo.

MIREK LYSY

---

JÁN VALAŠŤAN DOLINSKY

## PROFUNDA OKULPARO

Subiris suno.
Telero ĝia ora
langvore sinkis
trans mont' bluega, fora.

Krepusk' arbara
densiĝas ĉiupaŝe.
Mi sola vagas
tra ĝi embuske, kaŝe.

Ekmutis ĉie
la birda vesperkanto,
nur kantas mi, — mi
la amo-prikantanto.

La ronda Luno
min sekvas ĝis vi, kara,
por min protekti
de tenta nimf' arbara.

Ĝi nur ne savis
min de la mieldolĉa
kis' Via ĉasta
kaj okulparo sorĉa!

Ha, ĉielblua,
profunda okulparo,
pro vi mi vagas
sopire tra l' arbaro.

Pro vi mi vagas
tra l' florabunda kampo;
gitar' en mano kaj kant' surlipe,
mi vagabondo-trampo!

*(El Almanaketo de Slovaka Esperanta Literaturo.)*

## SEPDEKJARA JUBILEULO

## J. VALAŠŤAN - DOLINSKÝ

Hodiaŭ (15. 2. 1962 — rim. de red.) ĝisvivas la sepdekon komponisto Ján VALAŠŤAN- DOLINSKY. Li naskiĝis en Čaba, Hungario, kaj de Arad li alvenis al Myjava. Ekde la jaro 1928 li dum iu tempo vivis en Martin kiel lernejdirektoro. Ĉie li fervore kolektadis popolkantojn, adaptadis ilin kaj kantis kun siaj infanaj kaj plenkreskulaj kantĥoroj. Konataj estas liaj multaj kolektoj: „Letorosty" de Hviezdoslav, „Čabianske ľudové piesne" (popolkantoj el Čaba), „Spevom vpred" (kantante antaŭen „Slávme slávne" (ni festu, festu), „Detské sbory" (Infanaj kantĥoroj) kaj du eldonoj de „Môj spevník" (Mia kantaro) kiel la aliaj, longe kantitaj kaj ankoraŭ kantataj. Konata estas precipe lia popola balado „Keď sa milý na vojnu bral" (Kiam fraŭlo bataliris). En Martin li redaktis ankaŭ la muzikaldonon de la gazeto „Naše divadlo" (Nia teatro) kaj la gazeton „Varyto", eldonitan de Asocio de slovakaj popolkantĥoroj. Ankaŭ li kunlaboris kun „Slovenské pohľady" por kiu li regule skribadis muzikrecenzojn, artikolojn, rimarkojn. Kora amikeco ligas lin kun nacia artisto, pentristo Martin Benka.

Krom muziko, la dua plej granda amo de la majstro estis internacia lingvo Esperanto. Dolinský estas hodiaŭ nestoro de Esperanto-movado en Slovakio. En la jaro 1936 aperis lia GRAMATIKO kaj VORTARO ESPERANTA-SLOVAKA, en 1947 FENESTRETO EN LA MONDON - lernolibro de Internacia Lingvo Esperanto, en la jaro 1949 "Granda slovaka lernolibro de Internacia Lingvo Esperanto". Li estis kunfondinto de Slovaka Esperanto-Instituto en Martin kaj ĉefkunlaboranto de la gazeto „Esperantisto slovaka", kie li publikigis Esperanto-tradukojn el la verkoj de Hviezdoslav, Vajanský, Krasko, Krčméry, Podjavorinská, Plávka, Jégé, Figuli k. a.

Ankaŭ nun, post grava malsano kun malfortigita vidpovo, ni trovus Ján Valašťan-Dolinský ĉe lia laboro, ĉe la piano kaj ĉe la skribotablo. Kun sia neelĉerpebla entuziasmo li estas kaj restas brilanta ekzemplo por junaj instruistoj. (Dr. I. HAVAŠ — el „PRÁCA")

## LA KATO KAJ LA MUSO

En la kamero sidis la kato kaj embuskis. Subite ĝi kaptis malgrandan museton. „Nun mi manĝos vin", diris la kato. „Mi petas, permesu al mi ion rakonti al vi", petis la museto. „Do rakontu" permesis la kato. La museto komencis rakonti. „Iam vivis du malgrandaj musetoj...", „Ĉu tre malgrandaj?" interrompis ĝin la kato. „...kaj ili loĝis en unu kamero...", daŭrigis la museto. „Ĉu en tiu ĉi kamero?", demandis la kato. „Iam ili ekhajtis en la forno", rakontis plu la museto, „por ke ne estu malvarme al ili." „Mi ankaŭ ŝatas varmon" pensis la kato. „Poste ili alportis pecon da viando", daŭrigis la museto. „Verŝajne ili malsatis", pensis la kato. „La viandon ili rostis en kaserolo kaj donis ĝin sur la fenestron, por ke ĝi malvarmiĝu." „Kien ili donis la viandon?" avide demandis la kato. „Tien sur la fenestron, ĉu vi vidas la kaserolon?" diris la museto. La kato saltis avide supren al la fenestro kaj la museto tuj forkuris kaŝigi sin en sia truo.

TRADUKIS JAROSLAV HŮDA

| | | |
|---|---|---|
| kato — kočka | loĝi — bydlet, obývat | verŝajne — pravděpodobně |
| muso — myš | ekhajti — zatopit (rozdělat oheň) | rosti — smažit |
| kamero — komora | forno — kamna | kaserolo — rendlík |
| embuski — číhat v záloze | por ke — aby | doni — dát |
| diri — říkat | ŝati — míti rád | avide — chtivě |
| rakonti — vyprávět | varmo — teplo | demandi — otázat se |
| peti — prosit | pensi — myslit | salti — skočit |
| permesi — dovolit | poste — potom | supren — nahoru |
| io — něco | alporti — přinést | tuj — ihned |
| rakonti — vyprávět | peco — kousek | kuri — běžet |
| komenci — začít | viando — maso | forkuri — odběhnout |
| iam — kdysi | daŭrigi — pokračovat | kaŝigi sin — ukrýt se |
| interrompi — přerušit | | truo — díra |

## MALREKTA KOMUNIKO

Riĉa anglino, kiu forveturis por ok tagoj, telegrafas antaŭ reveno al sia intendanto, ke li atendu ŝin en la stacidomo.
Ŝi demandas post alveno:
„Nu, ĉu io nova okazis en la kastelo?"
„Ne, sinjorino, nenio . . . ho jes, via hundeto Bobo mortis . . ."
„Kio? Bobo mortis? Sed de kio?"
„Ĝi forbrulis dum la fajro en la ĉevalstaloj."
„Kio? Fajro en la staloj? Kaj la ĉevaloj?"
„La ĉevaloj ankaŭ forbrulis, same la veturiloj."
„Sed kiel okazis tiu brulo de la staloj?"
„Estis pro fajrero fluginta de la kastelo."
„Kio? La kastelo ankaŭ brulis?"
„Jes, sinjorino."
„Sed kio kaŭzis ĉion tion?"
„Tio estis pro la kandeloj, kiujn oni lumigis ĉirkaŭ la ĉerko de la mastro."
„Kio? Mia edzo???"
„Jes, sinjorino . . . la mastro mortigis sin eksciinte, ke lia bankisto ĉesis pagi kaj ke li do perdis ĉiun sian havajon."

| | | |
|---|---|---|
| rekta — přímý | stalo — stáj | lumi — svítit |
| komuniki — sdělit | veturilo — povoz | lumigi — rozsvítit |
| intendanto — správce majetku | fajrero — jiskra | ĉerko — rakev |
| kastelo — zámek | flugi — létat | morti — zemřít |
| bruli — hořet | okazi — stát se, přihodit se | mortigi sin — usmrtit se |
| fajro — oheň | kaŭzi — způsobit | ĉesi — přestat |
| ĉevalo — kůň | kandelo — svíčka | havajo — vlastnictví, majetek |



KURSY ESPERANTA 1962—1963

Začátkem října 1962 budou opět zahájeny kursy esperanta v Domě kultury ROH v Jihlavě, Tolstého ul. 2.
Informační schůzka všech zájemců (začátečníků i pokročilých) bude v pondělí 24. září 1962 v 19 hodin v Domě kultury ROH.
Vyučování bude přizpůsobeno pracovním směnám účastníků kursů. Přihlášky přijímá Dům kultury ROH, nebo Fr. Tichý, Pofis, Jihlava, Komenského ul.


*AGADO, neperiodický oběžník vydává Dům kultury ROH, esperantský kroužek, Tolstého 2, JIHLAVA, za spolupráce esperantského kroužku ZV ROH GRAFIA n. p. Pov. MěstNV Jihlava 163-VA-62. Tiskla GRAFIA JIHLAVA.* Q-17*21773